# juna amiko

INTERNACIA LERNEJANA ESPERANTO-REVUO



**Ĉevalo tiras pezan kargon tra strato de Ulan Bator. Nur pene ĉi tiuj landoj tiras siajn ekonomiojn kaj inter-rilatojn en la dudekan jarcenton. Tio portas ŝarĝon por gazeto kiel Juna amiko, klopodanta esti kiom eble plej vere internacia.**

Aprilo
N-ro 91/2
(57)
18a jaro

Tuj unua-linie necesas klarigi la malfruon de ĉi tiu numero de nia revuo. Supozante, ke la presejo ne kontribuos al la malfruistiko, la kulpo falas sur la ŝultrojn de la redaktoro. Sed li petas vin antaŭ ol ĵeti la unuan ŝtonon legi paĝon 4. Tio proklamas la aperon de la unua kajero de nova lernolibro, ĝustatempe por la nova nordhemisfera lerneja jaro en septembro. Por sukcesi en tio, via kulpulo devis tra la tuta majo insiste ignori la ĉiutage kreskantan poŝtomonton, forŝovi laboron pri *Internacia Pedagogia Revuo* kaj eĉ neglekti *Juna amiko*. Nur tiu drasta taktiko portis la 3-jaran lernolibran luktadon al palpebla rezulto. Ni esperas, ke vi trovos ĝin bona kaj pardonos la prokraston.

Ni devas pardonpeti ankaŭ al ĉ. 800 legantoj en najbaraj landoj (ĉefe Bulgario, Rumanio, Jugoslavio) pro ses-semajna prokrasto en la dissendo de 91/1. HEA konsentis prizorgi tiun ekspedon por ĝin fari tra Ĉeĥoslovakio kie signife malpli kostis. (Jam ne plu!). Seso da send-klopodoj malsukcesis, ĉiu foruzis semajnon. Estu certigita, ke la redaktoro neniam denove konsentos delegi ekspedojn tiumaniere kaj ĉion prizorgos mem, provante konvinki ILEI disponigi honorariaton por kunlabori. Indas kapti la okazon esprimi dankon al Magdi Juhasz kaj Tivadar Keresthegyi, kiuj de jaroj ĉiunumere fidele kaj senkompense helpas en la konsiderinda eksped-laboro.

Tiu laboro kreskis ĵus pro la decido sendi JA al almenaŭ unu adreso en praktike ĉiu lando kun organizita E-movado. Al la 138 ekzempleroj irantaj al Afriko, plia 50 iras ekde nun ekz. al Singapuro, Malajzio, Tajlando, Nepalo, Hinda Unio, Pakistano ktp. Niaj mezaj paĝoj spegulas niajn kreskantajn kontaktojn kun Afriko; kiu figuros tie estonte?

Ĉiu ekspansio kostas – pro tio ni aparte dankas donacojn de s-ro Dag Ellard (Svedio), Dominique Couturier (Francio), Prof. Corrado Lepore (Italio) kaj al Petro de Smedt (Belgio) pro reklamfolio senpete kaj sepage pretigita kaj dissendita.

Ĝis la tria numero – mi promesas ne prokrasti ĝin pro plia lernolibro aŭ similaĵo. Tuj post nia reveno el Norvegio, *Juna amiko* staras sur la tagordo!

*Stefan MacGill, junio 30.*


Juna amiko, revuo por lernejanoj kaj komencantoj. Eldonata de la Hungara Esperanto - Asocio kaj aŭspiciata de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI)

Aperas kvarfoje jare: februare, aprile, septembre, novembre.

Redaktoro: Stefan MacGill.

Adreso de la redakcio: pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario.

Abonprezo en Hungario ĉe HELIR: 60 ft. (por eksterlandano 72 ft.) Internacie ĉe UEA: 10,00 gld. Perantoj en 30 landoj.

Anoncoj:
Kvaronpaĝo: 300ft enlande aŭ 30gld aŭ 3 jarabonoj en aliaj okcidentaj valutoj.
Duonpaĝo: 500ft aŭ 50 gld. aŭ 5 jarabonoj.
Tuta paĝo: 700ft. aŭ 70 gld. aŭ 7 jarabonoj.



Nemzetközi eszperantó diáklap. Megjelenik évente négyszer. Ára: 15 ft. 91/2 szám, XVIII évfolyam. Ára 1991: 15 ft. Kiadja a Magyar Eszperantó Szövetség, Szentháromság tér 6, H-1014 Budapest. Felelős kiadó: Princz Oszkár. Készült a MESZ Sokszorosítóban: hearota 91-000 Kiad. eng. szám: III/IFJ/30/1976; ISSN 0230-1318.

Terjeszti a Magyar Posta. Előfizethető bármely hirlapklézbesitö postahivatalnál, a hirlapkézbesitöknél, a Posta hirlapüzleteiben és Lapellátási Irodánál (HELIR), Budapest, XIII, Lehel u. 10/a, 1900 – közvetlenül vagy postautalványon, valamint átutalással a HELIR 215-96162 pénzforgalmi jelzöszámra.

## Recepto el Provenco:
# Provencaj kuketoj
*(France = Les laddous)*

Prenu du glasojn da faruno




Prenu unu glason da pulvorigitaj migdaloj






Prenu duonan glason da suker-pulvoro.

Miksu la sukeron, la farunon kaj la migdalojn kun iomete da akvo.





Per tiu firma pasto kreu buletojn.

Metu kanditan ĉerizon meze de ĉiu buleto.








Metu ilin sur kradon en varma bakujo dum 5 aŭ 10 minutoj.

Sendis la recepton la Esperanto-klubo de Noyant. La 11- ĝis 14-jaraj klubanoj daŭrigos la studadon en la nova lerneja jaro kaj deziras korespondi kun samaĝaj infanoj el la tuta mondo: Esperanto klubo, C.E.S., F-49490 Noyant, Francio. Ankaŭ estonte ni pretas aperigi simplajn kuir-receptojn en *Juna amiko.*

## En metroo

En metroo
Avineto
Sidas kun malnova
Sak' ...

Jen subite, –
Kokerikis
Iu
En vagona klak'.
Kaj eklumis
Sur vizaĝoj
Gaja rido,

Bona sent', –
Kvazaŭ
Venis mateniĝo
Al metroo
Por moment'.

*Ovsej Driz.*

# Tendaraj tagoj

Ĉu vi estas inter 10- kaj 14-jara? Se jes, aperis precize por vi nova lernolibro de Esperanto! Karlo, Adelo, Rikardo, Habibo, Aniko kaj aliaj junuloj enkondukos vin en la lingvon kaj invitas vin partopreni la Duan Internacian Esperanto-Tendaron kun ili. Vi renkontos ankaŭ Mateon kaj Veronikon, la gvidantoj en la tendaro. Nia desegnisto, Pavel Rak, donas allogan aspekton al la verko, en kiu abundas dialogoj, komunikaj ekzercoj kaj rakontetoj.

Eĉ se vi havas alian aĝon, 'Tendaraj tagoj' povas allogi vin — estu plenkreska observanto de tiu junulara mondo. Ĝi prezentas abundon da komunik-postulaj situacioj, por ke lernantoj parolu Esperanton jam de la unua leciono. Superfluas diri, ke la lernolibro estas nur Esperant-lingva. Kaj kvankam komunika, ĝi havas klaran gramatikan strukuron.

Nun preta kaj eldonita de ILEI/UEA kaj la Hungara Junulara Esperanto-Asocio, la unua kajero prezentas ĉirkaŭ trionon de la esenco de la lingvo en tridek unu-paĝaj ĉapitretoj. La kajero mem havas 44 grand-formatajn paĝojn; fine de ĝi aperas gramatika resumo de ĉio prezentita en Esperanto komprenebla al lernantoj, kiuj studis nur la enhavon de la kajero mem. Plie estas resumaj dialogoj, rol-ludetoj, rimaĵoj, ekzameno kaj skemo de la aperonta dua kajero. Baldaŭ aperos gvidilo por instruistoj, poste laborlibro kaj son-kaseto.

La ĉefkajero estis pli frue lanĉita, por ke ĝi estu uzebla ekde la nova lernojaro, kaj estu jam nun montrebla al instancoj kaj lernejestroj por apogi klopodojn enkonduki la lingvon ekde septembro.




'Tendaraj tagoj' estas mendebla de Universala Esperanto-Asocio, je 12,00 gld. (triona rabato ekde 3 ekz.). Sekcioj de ILEI kaj instruistoj povas mendi pli grandajn kvantojn de ILEI rekte per dissendota mendilo. En Hungario kaj najbaraj landoj turnu vin al la librobutiko aŭ hungara ILEI-sekcio, Kovacs Marta, Ady Endre u. 23-25/C, H-1221 Budapest, kiuj vendas ĝin kontraŭ forintoj (ĉ. cent), kun signifa rabato por kvantaj mendoj de lernejoj.

# Kiel maljunulo vendis sian bovinon

**Rusa fabelo**

Maljunulo havis bovinon. Ĝi estis kaduka kaj maldikega. Ĝi donis preskaŭ neniom da lakto. Jen kial la maljunulo decidis ĝin vendi. Li ekiris kun ĝi al la foiro. Aliras al li aĉetanto kaj demandas:

"Ĉu vi vendas la bovinon multekoste?"

"Ne, ne multekoste" respondis la maljunulo: "Mi ĝojos ricevi la duonon de la sumo, kiun mi pagis por ĝi."

"Kaj kial ĝi estas tiom malgrasega?"

"Ĝi estas malsana kaj verŝajne baldaŭ mortos, ĝuste pro tio mi decidis ĝin vendi."

"Kaj kiom da lakto ĝi donas?"

"Lakton mi absolute ne vidas" respondis la maljunulo. Kaj neniu volis aĉeti tiom malbonan bovinon. Iu viro kompatis la maljunulon kaj diris al li: "Permesu al mi vendi vian bovinon, kaj vi staru flanke, aŭskultu, kion mi diros."

Aliras nova aĉetanto kaj demandas.

"Ĉu la bovino estas vendata?"

"Jes, vi povas ĝin aĉeti, se vi havas sufiĉan monon."

"Sed ĝi estas tre maldika!" diris la aĉetanto.

"Tio estas ĉar ĝi manĝas malmulte, kaj donas da lakto multege. Ĝi sufiĉas por la tuta vilaĝo, eĉ iom postrestas. Al la mastrino doloras la manoj, ĉar ŝi devas ĝin melki dum la tuta tago. Jen kial ni ĝin vendas."

La maljunulo, la mastro de la bovino aŭskultis kaj pensis: "Kial do mi decidis vendi tiom bonegan bovinon? Kaj li respondis al la aĉetanto:

"La bovino ne estas vendata! Mi mem bezonas ĝin."

*sendis s-ro Géza Kurucz, Hungario.*



# LA TEORIO DE RELATIVECO

# NUR




**DU BISKVITOJ!!**
Karlo imgas du biskvitojn.
Karlo ricevas du biskvitojn.
Karlo estas kontenta.
Du biskvitoj sufiĉas.
Realo kaj imago egalas.




**NUR DU BISKVITOJ!!!??!**
La urso imagas dek biskvitojn.
Li ricevas du biskvitojn.
Li ricevas NUR du biskvitojn.
La urso estas malkontenta.
Du biskvitoj ne sufiĉas.
Du biskvitoj estas maltro.
Devus esti pli.
La imago estis pli ol la realo.




**VE!! DU BISKVITOJ!**
La formiko imagas du biskvit-er-ojn.
Li ricevas du biskvitojn.
La formiko estas malkontenta.
Du biskvitoj pli ol sufiĉas.
Du biskvitoj estas tro.
Devus esti malpli.
La imago estis malpli ol la realo.

Kiom da biskvitoj vi imagas? Ĉu du biskvitoj sufiĉas por vi? Ĉu devus esti pli aŭ malpli? Ĉu dek biskvitoj estas tro por vi? Ĉu vi povus manĝi pli da biskvitoj ol Karlo? Ĉu vi povus manĝi pli da biskvitoj ol la urso? Ĉu vi ŝatas ĉokoladajn biskvitojn? Ĉu vi ŝatas NUR ĉokoladajn biskvitojn? Ĉu vi ŝatas NUR biskvitojn?

*Teksto el la dua kajero de la preparata lernolibro 'Tendaraj tagoj'. smg.*

# Ni esploru la mondon!

La laborema Esperanto grupo en San Diego, Kalifornio denove regalas nin per eldonaĵo verkita de infanoj mem. Nova 24-paĝa libreto 'Ni esploru la mondon' prezentas la rezulton de korespondado inter ok klasoj en Eŭropo, Azio kaj Ameriko: En Britio, Francio, Pollando, Ĉeĥoslovakio, Finnlando, Litovio, Ĉinio kaj Usono. Unue la libreto prezentas la flagojn de la landoj. Poste ĝi starigas dekon da demandoj pri ĉiu lando kaj prezentas mapon. Sur la najbara paĝo troviĝas la respondoj kune kun infandesegnaĵo. En la mezaj paĝoj troviĝas mond-mapo kaj mapo de Eŭropo, per ili vi povos trovi la lokojn de la prezentitaj landoj, ankaŭ vi povos dialogi en Esperanto starigante demandojn unu al la alia, ekz. "Ĉu Mongolio estas sude de Ĉinio?" "Komprenenble, ne! Ĝi estas norde de Ĉinio." ktp. Fine de la libreto troviĝas praktika vortlisto kaj instrukcioj por divenludo: Unu lernanto elpensas lokon kaj diras: "Mi pensas pri loko sur la planedo Tero." kaj la aliaj lernantoj devas diveni ĝin. Ili rajtas demandi, sed nur per Ĉu-demandoj, kun respondoj, jes/ne.




Ĉi tiu libreto helpos vin malkovri informojn pri la vivoj de lernantoj en foraj landoj, eĉ en la alia flanko de la mondo. Ĝi prezentas la praktikan valoron de Esperanto por korespondi kaj interŝanĝi informojn kaj art-verkojn. Ĝi instruas al vi pli pri la mondo.

La titol-paĝo indikas, 'Libreto unu', do ni supozas, ke povos sekvi pliaj kajeroj, kiuj prezentos pliajn landojn. Tio dependos je la korespondemo de lernantoj tie – kaj eble en via lando!. Por partopreni aŭ por akiri ekzempleron de ĉi tiu valora libreto (kiun oni rajtas fotokopie distribui al klasanoj), skribu al: 'Infanoj ĉirkaŭ la mondo', 3876 Belmont Ave, CA 92116 San Diego, Kalifornio, Usono.

    

# La kartludo "Krokodilo"

**La kartaro de "Krokodilo"**

La kartaro konsistas el 10 ĝis 20 kart-paroj kaj unu kroma karto ne havanta kunaĵon. Sur la fronto de ĉiu karto estas bildo. La parojn formas du kartoj kun bildoj identaj aŭ similaj laŭ temo, montrantaj, ekzemple bestojn, florojn, homojn, veturilojn, ludilojn, konstruaĵojn ks. Cetere, la du kartoj apartenantaj al la sama paro havas simbolon funkciantan kiel identigilo aŭ klasilo. Sur la sola karto sen kunaĵo estas bildo de krokodilo.

Konvenaj bildoj estas tondeblaj el gazetoj, magazinoj, turismaj faldfolioj kaj broŝuroj, reklam-publikigaĵoj, komercaj katalogoj ks.

Unue tranĉu sufiĉe grandan kvanton da kartoj el maldika kartono. La dimensioj estu 6 x 9 cm. Sur unu flankon de ĉiu karto gluu bildon, kaj kovru la dorsflankon per papero, ekzemple tapeto, havanta simplan ripetiĝantan desegnon. Poste rondigu la angulojn de ĉiu karto. La kartaro nun estas preta por ludi "Krokodilon".

**La reguloj de la ludo**

Du aŭ pli da personoj povas ludi. Post bona intermiksado, la kartoj estas disdonitaj al la ludantoj ĝis elĉerpiĝo de la kartaro. Ne gravas, se iuj ludantoj ricevas pli aŭ malpli da kartoj. Ĉiu ludanto devas teni siajn kartojn tiel, ke la aliaj ludantoj ne povas vidi la frontojn, t.e. la la bildflankojn. Kiu trovas en sia mano kartojn apartenantajn al paroj, demetas ilin antaŭ si sur la tablon. Nun, la ludanto, kiu havas la plejmulton da kartoj en sia mano, permesas al la persono maldekstre de li tiri unu el liaj kartoj. Tiu ĉi ne rajtas rigardi la bildflankojn, antaŭ ol li prenas ĝin. Se ĝi povas formi paron kun unu el liaj kartoj, li demetas ambaŭ sur la tablon. Sekve, la ludanto ĉe lia maldekstra flanko tiras karton, kaj ĉiuj aliaj ludantoj laŭvice faras la samon. Tiel la ludo antaŭeniras en la direkto de horloĝ-montrilo.

Iom post iom ĉiuj ludantoj sukcesos surtabligi la kartparojn, kaj restos en ies mano la sola karto, kiu ne havas kunaĵon – la krokodilo! La ludanto havanta tiun karton fariĝas la "krokodilo" por tiu partio kaj devas plenumi antaŭdeciditan punon aŭ taskon.

Kutime estas malavantaĝe esti la ludanto, kies lasta karto estas la krokodilo, sed eblas modifi la celon de la ludo. Oni donas, anstataŭ puno, premion al tiu ludanto, ĉar ĉe la fino de la partio li sukcesis "kapti" la krokodilon.

**La lingvolerna celo de "Krokodilo"**

La celo de "Krokodilo" estas ne nur amuzi sed ankaŭ instrui Esperanton al junaj komencantoj. La lud-gvidanto aŭ instruisto diras la Esperantajn nomojn de la aĵoj kaj uloj sur la bildoj kaj povas aldoni ankaŭ adjektivojn de formo, koloro, nombro ks. Kiam ludantoj demetas parojn, ili devas ripeti tiujn vor-

tojn. La instruado inkludas ankaŭ klarigon pri la signifo de la vorto "krokodilo", kaj kial tiuj bestoj estas malŝatataj en Esperantujo.

* * *





**Tekstoj de la bildoj:**

1. Kartoj de la elefant-paro kun similaj bildoj kaj nigra triangula identigilo en angulo de la kartoj.
2. Kartoj de la aviadilo-paro kun similaj bildoj kaj blanka cirkla identigilo en angulo de la kartoj.
3. La krokodil-karto.

Krokodilo



*Bernard Golden*
*Damjanich u. 1/c. I.8.*
*H-8200 Veszprém*
*Reviziita: aprilo 1991*

## GOGO, LA TESTUDO

**de Martin Weichert, Munkeno.**















## KRUC-VORT-ENIGMO

(R = uzu nur la radikon)

**Horizontale:**

1. Granda frukto, bona por la varma somera vetero.
10. Ni devas ____________ la projekton!
11. Prefikso por komenci.
12. Film-arto.
13. Tio havas rilaton kun energio, laŭ la ekvacio E = mc2. (R)
14. Taga songô.
15. Agi simile al iu alia.
16. Manĝu ĝin ________ forko.
17. Finaĵo por verbo en prezenco.
18. Mal-nokto. (R)
19. Sango-manko.
21. Kvin junuloj, dek bananoj. Ĉiu povas ricevi _____ du.
22. Tre longa tempo-periodo. (R)
23. Nek pasinte, nek estonte.
25. Sufikso por indiki tendencon, inklinon, preferon.
26. La baza vorto por la negativo.
28. Nomo de la lasta litero de la alfabeto.
29. Aparato per kiu eblas aŭskulti muzikon kaj novaĵojn.
32. Ilo por vintra sporto. (R)
34. Grandega simio. (R)
37. Priskribo de la enhavo de telefon-libro.

**Vertikale:**

1. Grupo.
2. Mi supozas, ____ vi pravas.
3. Speco de filmo pri surĉevalaj amerikaj pioniroj.
4. Mediteranea frukto. (R)
5. Mi venas. La muziko venigas ________.
6. Mem-pripensan. Neglekteman al la deziroj de aliaj.
7. Pronomo por indiki unu viron.
8. Rifuzata. Malakceptata. "La aserto estis ________."
9. Gaso necesa por la vivo.
13. Antikvan rakonton, parte faktan, parte fikcion.
14. Prefisko por esprimi "denove".
16. Vi verŝajne bezonas tion se vi volas skribi ion.
17. Naŭ vertikale konsistigas 21% de ĉi tiu grava gaso-mikso. (R)
20. Alimaniere ol per fosado el la tero. Ekz: "Ni produktas la salon ________, sed per vaporigo de mar-akvo en baseno.
24. Tiu, kiu utiligis ion. (R)
25. Populara nederlanda fromaĝo, nomita laŭ urbo. (R)
27. "Ĉu ______ aŭ ne ________?" La baza demando de Hamleto.
30. Estu en grupo!
31. Infan-manĝa skandinava giganto. (R)
33. Mon-stoko aŭ mon-kesto. (R)
35. Sufikso por indiki personon kun difinita kvalito aŭ trajto.
36. Populara japana tabul-ludo. (R)

## KONKURSO POR LEGANTOJ ĜIS 18-JARAJ!

Trovu du-vortan kaŝfrazon laŭ la krucvortenigmo kaj la subaj numeroj. Sendu ĝin sur poŝtkarto al: 'Juna amiko', pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario ĝis la 15a de oktobro. Skribu klare vian nomon, adreson kaj aĝon. Premio: La son-kaseto kaj libreto 'Fonetika interpunkcio' (vidu aliloke en la numero). Ni donos unu premion al respondantoj ĝis 13-jaraj, unu de 13-ĝis 18-jaraj.

**KAŜ-FRAZETO:**
**5, 31, 7, 11, 33, 24, 7, 9**
**16, 10, 34, 13, 6, 8, 19, 32.**





# LA KURIERO D'AMANGOUA

**Eburborda Esperanto Asocio, 09 BP. 1471 Abidgan 09, Eburbordo**

La celo de nia kuriero estas amikeco inter ĉiuj pere de la Internacia Lingvo, Esperanto. Saluton, karaj samideanoj! Ni aĝas inter 11- kaj 15-jaroj, ni estas gelernantoj de la 5a kaj 6a klasoj de la lernejo Amangua-Koi. En nia kuriero ni deziras skribi al vi pri ni mem, pri nia vilaĝeto kaj nia lando – sed ankaŭ ni skribos pri nia lernejo, niaj familioj, niaj hobioj, dorlot-bestoj, moroj, festoj kaj viv-kondiĉoj.

## LA HISTORIO DE NIA VILAĜETO

Ni loĝas en dometoj apud la laguno. Nia vilaĝo apartenas al la kvartalo Port-Bouet de Abiĵano kaj ĝi situas tri kilometrojn de la nacia flug-haveno. Ĝi portas la nomon de nia avo, kiu estis la fondinto. Lia nomo estis Amangoua. La vorto 'Koi' signifas 'vilaĝo' en nia etna lingvo *Attie*. En tiu ĉi vilaĝo ni ĉiuj formas unu saman familion. Tamen, nia avo mem ne estis *Attie*-ano, sed *Abure*-ano; li edziĝis al nia avino Donia. La avo venis al ĉi tiu loko dum la tribaj militoj, kaj li multe batalis kontraŭ la *Ebrie*-anoj ĉar laŭ leĝo la urbo Abiĵano estas ilia tereno ĉar ili estis la unuaj loĝantoj. Post longaj bataladoj nia avo Amangoua sukcesis havigi al si ĉi tiun terenon, kiu nun estas nia propraĵo; pro tio ni fiere diras al li:

**Nanan nasie ő (Avo, dankon)**

Do nia vilaĝeto estas tre vidinda kaj ĝi taŭgas al turismo – jen kiel ĝi aspektas: ĝi estas ĉirkaŭata de lagunoj (apud-laga aŭ apud-mara lago) kaj de nukso-arboj, ĝi estas sabla vilaĝeto. Ni havas pirogojn por fiŝkapti. Pirogo estas kanoto, farita el arbo-trunko. Ni havas unu lernejon kun ses klasĉambroj, unu biblioteketon kaj belan korton kun diversaj belaj floroj. En nia vilaĝeto oni povas diri, ke ĉiu el ni scias naĝi. Pro tio, vi ne devas miri se vi vidas iun knabon en la grandega sala laguno.

Ni estos kontentaj, se vi ricevos nian leteron kaj sendos al ni leterojn.

## Adiaŭa kanto

Ĉie en la mondo estas granda plezuro por la gelernantoj retrovi sin en la lernejoj. Sed ankaŭ plezuro estas por ili kiam ili forlasas la lernejojn pro la libertempoj. Ĝenerale ili vojaĝas al vilaĝoj aŭ al la urboj. Kaj precipe en la lernejo Amangoua-Koi antaŭ la disiĝo la gelernantoj kantadas la jenon:

Adiaŭ al vi karaj instruistoj, kiuj sekvadis, edukadis, instruadis kaj frapis nin dum tiuj malfacilaj tempoj,

Adiaŭ al vi karaj kamaradoj, kiuj bedaŭrinde ne plu estos kun ni, al viaj novaj horizontoj kaj kamaradoj ni tutkore kaj sente ligas niajn korojn. Estas la libertempoj kaj ni vojaĝos de loko al loko kaj ĉiam ni havos novajn geamikojn, kun kiuj bni ŝatus amikiĝi eterne.

*Fon.Fon.* Estas la foriro, kaj en la stratoj kaj stratetoj ni nepre kurados, ludados kaj batalados, sed ni atentu, ĉar baldaŭ estos la fino de la libertempoj kaj ni denove vojo-iros al la lernejoj.

*Fon.Fon. Fon.* Vivu la lernejoj!

de s-ro *Antoine Kouassi Kouablan.*




**Desegnaĵo de 11-jara lernanto, en kiu figuras elefanto kaj kanario.**

Ni prenis ĉi tiun tekston el la oka numero de *La kuriero d"Amangoua*. Ĝin redaktas kaj eldonas fotokopie s-roj Gilles Wallez, Antoine Kouassi kaj Hiacinthe Seka. Sed la bildoj kaj multaj el la tekstoj estas de la infanoj mem. Por ili dissendi la kurieron estas granda ŝarĝo, do ili petis, ĉu ili povos ricevi iom da spaco en *Juna amiko*. Ni kun ĝojo disponigos ekde nun du paĝojn el ĉiu numero al ili, kaj eble iam trovos rimedojn aldoni pliajn paĝojn al *Juna amiko*, por doni al ili pli da spaco. Do, estonte ni esperas koni pli kaj pli bone la apud-lagunan vilaĝon Amangoua en fora okcidenta Afriko. Skribu al ili kaj kuraĝigu ilin amase, el ĉiuj landoj!





# DU KOKIDOJ KVERELADIS

**pupteatraĵo por la plej etaj infanoj**

*Ljubomir Trifonĉovski, Bulgario*

Partoprenas:
Buntvostulo – kokido
Plumriĉulo – kokido
Onklo Kokoko – koko

Buntvostulo serĉe fosas la teron per sia beko kaj de tempo al tempo helpas al si mem per krureto.

**Plumriĉulo:** (aperas de maldekstre) Kokeriko! (Ĝi tuj malaperas. Buntvostulo turniĝas tien, sed vidas neniun kaj daŭrigas sian laboron.)

**Plumriĉulo:** (aperas de dekstre) Kokeriko! (Ĝi malaperas. Buntvostulo turniĝas dekstren, sed ankaŭ tie estas neniu – pro tio ĝi daŭrigas la fosadon obstine.)

**Plumriĉulo:** (aperas malantaŭ Buntvostulo) Kokeriko! (Buntvostulo kvazaŭ ne aŭdus ĝin.)

**Plumriĉulo:** (ĉe Buntvostulo) Nu, kokeriko! (Buntvostulo dum momento gvatas kaj bekpikas Plumriĉulon.)

**Plumriĉulo:** Kial vi bekpkis min, kokeriko?

**Buntvostulo:** Kiu – ĉu mi?

**Plumriĉulo:** Vi!

**Buntvostulo:** Mi?... (sekvas mallonga paŭzo). Mi nur vokis vin.

**Plumriĉulo:** Sed vi bekpikis min.

**Buntvostulo:** Mi volis montri al vi ion.

**Plumriĉulo:** Kion?

**Buntvostulo:** Nu, mi jam ne montros ĝin al vi!

**Plunriĉulo:** Mi ankaŭ ne!

**Buntvostulo:** Kion – ne?

**Plumriĉulo:** Mi ne montros al vi tion, kion mi scipovas.

**Buntvostulo:** Kaj kio ĝi estas, kokeriko?

**Plumriĉulo:** Mi ne montros ĝin al vi, kokeriko!

(Buntvostulo denove dum momento bekpikas Plumriĉulon)

**Plumriĉulo:** Ho, vi bekpikis min, kokeriko! (Ĝi faras same al Buntvostulo)

**Buntvostulo:** Ankaŭ vi min! (kaj ĝi bekpikas la alian)

**Plumriĉulo:** Ankaŭ vi min! (Inter ili ekestas batalo, dum kiu estas uzataj ankaŭ malpermesataj rimedoj. Finfine ambaŭ laciĝas kaj haltas.)

**Buntvostulo:** Ho, doloras min.

**Plumriĉulo:** Ankaŭ min doloras. (post mallonga paŭzo). Vi volis montri al mi ion, kokeriko.

**Buntvostulo:** Vi ankaŭ, kokeriko.

**Plumriĉulo:** Mi montros ĝin al vi, sed ankaŭ vi montru al mi.
**Buntvostulo:** Bone.Jen, tion mi havas... (Buntvostulo montras sian kreston)
**Plumriĉulo:** Do, mi ankaŭ havas tion...(Ĝi montras sian kresteton) Kaj ĝi estas pli granda ol la via!
**Buntvostulo:** Ne estas pli granda! (Kaj ĝi bekpikas Plumriĉulon)
**Plumriĉulo:** Ha, vi bekpikis min! (Ĝi ankaŭ bekpikas la alian)
**Buntvostulo:** Ne, vi bekpikis min!
**Plumriĉulo:** Ne mi, kokeriko!
**Buntvostulo:** Vi estis,kokeriko! (Ambaŭ kokidoj denove saltas unu kontraŭ alia kaj komencas batalon. Buntvostulo kaj Plumriĉulo jam estas lacaj.)
**Buntvostulo:** Vi, kokeriko, volis montri al mi ion, kion vi scipovas.
**Plumriĉulo:** Mi scipovas kanti!
**Buntvostulo:** (dubante) Ha, vi scipovas kanti...
**Plumriĉulo:** Mi scipovas kanti jene: (false) kokeriko!
**Buntvostulo:** ha, ha, ĉu vi vidis, ke vi ne scipovas!
**Plumriĉulo:** Mi scipovas, sed mi estas raŭka.
**Buntvostulo:** Vi ne scipovas!
**Plumriĉulo:** Mi scipovas!
**Buntvostulo:** Mi diris, ke vi ne scipovas!
**Plumriĉulo:** (frapetas per krureto) Mi scipovas!
**Buntvostulo:** Nu, bone, vi ne scipovas!
**Plumriĉulo:** Vi nervozigas min kaj mi bekpikos vin!
**Buntvostulo:** Nu, provu!
**Plumriĉulo:** Ko-ke...hm, koke...kokeriko!
**Buntvostulo:** Ĉu vi vidis?
**Plumriĉulo:** Kion mi vidu?
**Buntvostulo:** Ke vi ne scipovas kanti kiel mi.
**Plumriĉulo:** Vi eĉ tiom ne scipovas!
**Buntvostulo:** He-e...
**Plumriĉulo:** Do, mi aŭdu vin!



**Buntvostulo:** Aŭdu min: kokeriko-o... Ĉu vi vidis — pli ol vi mi scipovas. Mi scipovas, scipovas, scipovas...
**Plumriĉulo:** Ne scipovas, ne scipovas, ne scipovas... Scipovas, sed ne scipovas, ĉar vi estas ...kokeriko!
**Buntvostulo:** Kio mi estas kokeriko? (Ĝi marŝas antaŭen)
**Plumriĉulo:** (marŝas malantaŭen) Vi estas... kokeriko... (Kaj ambaŭ denove batalemas. Ĝuste tiam aperas Onklo Kokoko.)
**Onklo Kokoko:** Kokoko...He, kokidoj, kial tiu bruo? Kokoko...
**Buntvostulo:** Ĝi diris, ke ĝi havas pli grandan kreston ol mi.
**Plumriĉulo:** Ĝi diris, ke ĝi scipovas kanti pli bone ol mi.
**Buntvostulo kaj Plumriĉulo:** (kune) Kaj ĝi ankaŭ bekpikis min.
**Onklo Kokoko:** Kokoko, ĉiam pro la sama kialo vi kverelas. Ĉu vi ne hontas! Kokoko... Ĉu vi scias, kion faras la edukitaj kokidoj en similaj situacioj?
**Buntvostulo kaj Plumriĉulo:** (kune) Kion ili faras, Onklo Kokoko?

**Onklo Kokoko:** Tiam la edukitaj kokidoj diras unu vorton: par - do - nu, kaj fariĝas amikoj. Kokoko...Kiu estis la vorto, kokoko?
**Buntvostulo:** Kiu vorto?
**Plumriĉulo:** Tiu, kiun diras la edukitaj kokidoj.
**Buntvostulo:** La vorto estis: par - do...
**Plumriĉulo:** ...do - nu! Kokeriko - o - o!
**Onklo Kokoko:** (al Buntvostulo) Kaj vi nun ripetu ĝin, kokoko!
**Buntvostulo:** La vorto estis par-do-nu! Kokoko...(Kaj ĝi ekskuas sian kreston).
**Onklo Kokoko:** Kaj neniam plu forgesu ĝin! Kokoko...(Ĝi foriras).
**Buntvostulo kaj Plumriĉulo:** (saltas de krureto al krureto; kune) Par - do - nu! Par - donu! Pardo - nu! (Sed ili kunpuŝiĝas nevole.)
**Buntvostulo kaj Plumriĉulo:** (unu kontraŭ la alia) Pardonu! (Kaj ili bekpikas unu la alian). Bekpik'! Pardonu! Bekpik! Pardonu!...

**Fino**

## Vojaĝo tra sonbendujo (1982)

Jen interesa sonbendo kaj libreto eldonita antaŭlonge de la lernejanoj en elementa lernejo en la urbo Kaljaro (Cagliari) sur la mediteranea insulo Sardio (aŭ Sardinio). Vi trovos tiun insulon sude de Korsiko kaj okcidente de Romo kaj Napolo. Tie la lernantoj tre aktive uzis Esperanton, multe korespondis, verkis kaj kantis. La libreto ne aspektas, kiel tradicia libro. Ĝi prezentas per fotokopioj la manskribaĵojn de la lernantoj mem, kune kun desegnaĵoj. Kelkaj paĝoj estas tajpitaj. Vi trovos sur 54 paĝoj poemojn, kantojn, intervjuojn, dialogojn, leterojn, bildstriojn. Praktikaj informoj pri Esperantaj servoj troviĝas, ekz. pri radio programoj. Fine troveblas konsiloj por korespondado, kaj iometa de itallingva klarigo pri la celoj de la Esperanto-instruado. La kovrilo prezentas koloran mapon de Eŭropo, kiu fakte estas "sonbendujo". Kaj la 60-minuta kaseto prezentas la materialon sone.

Nepra havaĵo por instruisto kun junaj lernantoj (8- ĝis 14-jaraj) kaj interesa ankaŭ por aliaj.
Mendu ĉe la organizinta instruisto: s-ro Nino Pala, Centro Interlinguistico, Via Dante 14, I-09127 Cagliari, Italio; tel. + 39 70 670315. La prezo estas 15.000 italaj liroj.



# FLUGDRAKO

Inter brikabrako
Kuŝas la flugdrako,
Malgaje sursuras,
Veas kaj murmuras:
Aŭtune mi ŝvebis,
Al la *suno* strebis,
Kun fiero-sento
Mi luktis kun vento
Glisis en aero
Kun plena libero.
Homoj min admiris,
Enviis kaj miris.
Jen vera honoro!
Kaj nun kun hororo
Kaj amara sento
En la subtegmento
Obskura, perdita,
Tute forgesita
Mi kuŝas en sako
Inter brikabrako.



*El 'Sorĉa mondo'*
*de Zofia Mirska, Pollando.*

*Parigu la vortojn kun simila signifo!*

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1. | brikabrako | A: | lukti, provi atingi |
| 2. | susuri | B: | malklare malhela |
| 3. | murmuri | C: | mansardo |
| 4. | ŝvebi | Ĉ: | fatraso, forstokitaj aĵoj |
| 5. | strebi | D: | tre maldolĉa |
| 6. | hororo | E: | glisi |
| 7. | amara | F: | flustri |
| 8. | sub-tegmento | G: | teruro |
| 9. | obskura | Ĝ: | grumbli , ĝemi |




Ĉu vi havas kajton? Ĉu vi mem konstruis ĝin? Ĉu vi ŝatas flugigi kajtojn? Ĉu vi estas sukcesa flugisto de kajtoj? Kio povas okazi, kiam oni flugigas kajton? Kien vi metas vian kajton dum la vintro? Ĉu vi havas sub-tegmentejon aŭ kelon en via domo? Ĉu viaj ludiloj troviĝas tie? Ĉu viaj ludiloj estas kontentaj? Ĉu vi bone prizorgas ilin? Ĉu vi ĉiam ordigas ilin post la ludado? Kio okazas, se ne? Ĉu vi iam forgesas malnovajn ludilojn? Iru hejmen kaj retrovu kelkajn!

## La pasereto kaj la mirinda spegulo

La griza pasereto estis tre malgaja ĉar ĝi estas tiom malgranda birdo. Kun envio ĝi rigardadis la pli grandajn birdojn, kiam ili flugis supre. Plorante, ĝi demandis sian Panjon: "Kiel ankaŭ mi havu tiajn flugilojn, per kiuj mi kapablus transflugi ankaŭ la altajn montojn?"

Eĉ ĝia Panjo ne sciis respondi. Foje la pasereto renkontis saĝan, maljunan strigon, kaj ĝi plendis al ĝi. La strigo aŭdis la plendojn de la pasereto, poste ĝi diris al ĝi: "Vi ne estas tiom malgranda birdo, kiom vi imagas. Ankaŭ vi havas tiajn flugilojn, kiajn la pli grandaj birdoj. Promesu: se vi vidos per propraj okuloj, kiom granda vi estas, neniam plu vi plendu ĉar la ceteraj birdoj estas pli grandaj ol vi."

La pasereto promesis tion. Do, la saĝa strigo elprenis grandigan spegulon kaj tenis ĝin antaŭ la paseretón: "Rigardu en ĝin, nu, kia vi estas?"

La pasereto rigardis en la grandigan spegulon kaj vidis, kiom granda birdo ĝi estas. Ĝi eĉ etendis la flugilojn kaj vidis, ke ankaŭ ili ne estas malpli grandaj ol la flugiloj de la grandaj birdoj. La pasereto estis feliĉa; ĝi ne plu sentis sian malgrandecon. Helpe de la grandiga spegulo ĝi konsolis ankaŭ la ceterajn paseretojn, ke ili tute ne estas tiom malgrandaj birdoj. De tiam la paseroj vivas feliĉe, ĉar ili ne meditas kiom malgrandaj kaj malfortaj ili estas, kompare al aliaj birdoj. Ja ili scias, kiu estas malgranda, povas esti forta kaj havi grandan efikon. Kiel ekzemple, la malgranda pipro!

*József Föredi, Hungario.*
*Tradukis: Ištván Takács, Marcali.*

---

## Folioj kaj pingloj

Dum tre praa tempo, kiam homo estis malgrava kaj senforta, la arbaro ankoraŭ estis sen verdaĵo. Tiam, laŭ legendo, aperis la maljunulo Avo Naturo kun sia folio-sako kaj vokis la arbojn: "Hej, larĝ-ŝultruloj, venu elekti foliojn, se vi deziras al vi korp-kovraĵon!"

Neniu ja volas esti nuda! La arboj plej proksimaj alvenis rapide al la sako. La alta hipokaŝtano tuj ekkaptis al sdi la grandajn, fingre disajn foliojn, la viskoza frakseno prenis la plumecajn, la dika tilio la koroformajn, acero la manoformajn, ulmo prenis ovo-formajn glatajn, ĝia frato la pedunkla ulmo la ovoformajn harozajn foliojn. Alno kaj saliko ankaŭ rapidis alveni – kaj la folioj elĉerpiĝis.

Kiam Avo Naturo estis alkudranta la foliojn al la arboj, alvenis al li la pino, piceo kaj junipero.

"Kie vi do estis tiom longe?" Avo Naturo riproĉis ilin.

"Mi konstruis domon por homo." diris la pino.

"Mi faris baraĵon ĉirkaŭ lia dometo." respondis la piceo.

"Mi nutris lian kapridon." informis la junipero.

Avo Naturo kunskrapis el la fundo de sia sako la restaĵojn kaj grumbletis: "Ĉar vi malfruis, vi ricevos nur pinglojn. Sed ĉar vi helpis al mizerulo, mi kudros por vi pli fortajn jakojn."

Li lasis la foliojn de la foli-arboj je provizora alkudro kaj ekkudris al la helpantoj de homo la korp-kovraĵon. La laboron li faris vere fortika.

Ĉiuaŭtune blovas-petolaĉas malamika vento, tiraĉas la foli-arbojn por la vintro senfoliaj kaj disŝutas iliajn foliojn malforte kudritajn. Sed de la koniferoj (pinglo-arboj) ĝi ne kapablas forigi la forte kudritajn pinglo-jakojn.

*Elar Kuus, Estonio*

*Tradukis el la estona: Johannes Palu.*

VORT-KLARIGOJ

kudri: fiksi per fadeno kaj nadlo
fundo: malsupro
ŝuti: blove disĵeti
hipokaŝtano, frakseno, tilio,
acero, ulmo, alno, saliko,
pino, piceo, junipero: arbo-specoj.
Trovu aŭ desegnu bildojn de tiuj specoj!



# Mi ne scias

Jes, jes, mi ne scias, –
Sed vi ne ridetu, –
Kien, nu, kien
La manojn mi metu!?

Do, kion per manoj
Ni faru, infanoj?
Ĉu eble ni devas
Ekpaŝi per manoj?!!

– La vazon ne tuŝu!
– La katon ne prenu!
– Barelon tamburi
Ne decas, komprenu!

Mi prenas la kreton,
Sed aŭdas subite:
– Desegni sur muroj –
Malpermesite!

La manojn en poŝojn
Mi kaŝis – mistero! –
– Jen iras pigrulo, –
Mi aŭdas en vero.

*Ovsej Driz*



NOVA SON-KASETO POR 'JUNA AMIKO'

# Fonetika interpunkcio kaj aliaj skeĉoj

Tra la lastaj kvin jaroj la redaktoro aperigis sur la paĝoj de 'Juna amiko' diversajn amuzajn rakontetojn aŭ skeĉojn. Nova eldonaĵo arigas ilin en unu lerno-pakon konsistanta el 60-minuta sonkaseto kaj 36-paĝa libreto. Ironie, la unu sola skeĉo sur la sonbendo, kiu ne aperis en 'Juna amiko' estas ĝuste tiu, kiu donas la titolon al la eldonaĵo. Jen la preciza enhavo:

En la teatro: El JA, n-ro 40 (1987/1)
En la parko: El JA, n-ro 39 (1986/3)
Fonetika interpunkcio: El 'Streĉ' eĉ, Steĉj' skeĉ!'
En la flughaveno: El JA, n-ro 45 (1988/2)
En la stacidomo: El JA, n-ro 39 (1986/3)
En la dezerto: El JA, n-ro 41 (1987/2)
En la fino: 'Bona ŝoforo, bona instruisto' el JA, n-ro 56 (1991/1)

La teksto sur la kaseto ne ĉiam identas kun tiu en 'Juna amiko' sed la teksto en la libreto estas tiu de la sonbendo. Vi trovos krome en la libreto demandojn, ludojn, ekzercojn, rol-ludetojn, enigmojn ktp, la plimulto el kiuj ne aperis siatempe en 'Juna amiko'. La sonkaseto permesas al instruisto uzi la ekzercojn kaj demandojn unue por praktiki la aŭskultan komprenon kaj nur poste la legan komprenon.

La libreto estas alloge ilustrita per la desegnaĵoj el 'Juna amiko' faritaj de Pavel Rak.

Kiel naskiĝis la verko? Ne per granda antaŭplanado, sed preskaŭ per hazardo. Via redaktoro pasintjare vizitis Amerikon por gvidi kurson en la Universitato de San-Francisko kaj ĉeesti la Universalan Kongreson en Havano. Inter tiuj du okazis la amerika kongreso en Meksikurbo. Tie aktivas la familio Najera, kiuj proponis registri intervjuon kun kelkaj kongresanoj per vid-bendo. Ili kaptis la okazon registri ankaŭ tri skeĉojn. Samtempe kun la vidbendilo, funkciis sonbendilo. Restis poste la demando: Kion fari per 26-minuta sonbendo? Respondo: kompletigi ĝin en Budapeŝto kaj krei libreton. Nuraj naŭ monatoj poste, ĉio pretas. La registrado ne estas farita en profesia studio, sed devus esti adekvata por eduka aŭ distra uzo. Kaj ni sukcesas eviti profesian prezon.

Vi povas mendi ĝin de la libroservo de UEA (skribu klare, ĉu vi volas la libreton aŭ la kaseton, aŭ ambaŭ): Kaseto: 12,00 gld. Libreto: 6,60 gld. Ili haveblas en Hungario je 180 kaj 70 forintoj respektive.

# Pli da tradukoj el la Forrai-kantaro

*Strofoj laŭ la melodio de "Tra fenestro dom' elsaltis..."*

Ĉe ni estas infan-kulto,
Opinias la plimulto,
Sed pri tio infan-fate
Spertas mi minoritate.

* * *

Mi plej multe grimpe spertas,
En paŝado ankaŭ lertas,
Paĉjo-monton mi ascendas,
Evidente dorlotendas.

* * *

Aĉa pluvo, aĉa pluvo,
Falu nur en la bankuvo,
Sed ne plu sur mian kapon,
Tuj mi ĵetos al vi klabon!

* * *

Mia kara nutristino
Tenas min en sia sino.
Apud mi sur ŝia jupo
Estas golfo de la supo.

* * *

Piz' kaj riz' alvenas buŝon,
Panjo havas supo-duŝon,
Pizo, rizo sur ĉemizo -
Skizo pri la nutro-krizo.




*"Lóg a lába, lóga..." (52)*

Piedpar' pendolas,
Ne labori volas,
Se labori volus,
Certe ne pendolus.

*"Ha én cica volnék..." (115)*

Se mi estus kato,
Timus min la rato.
Kato, ja, ne estas mi,
Do, la raton timas mi.

Se mi estus buso,
Timus min la muso,
Buso, ja, ne estas mi,
Do, la muson timas mi.




*Tradukis Sandor Revesz*
*La originalaj tekstoj kaj melodioj troveblas laŭ la numeroj en:*
*FORRAI Katalin: Ének a bölcsödében, Zenemükiadó, 1986.*

## Perantaj novaĵoj

**Belgio:** Aldone al Flandra Esperanto-Ligo, iĝas peranto Eldonejo kaj Librejo Sonorilo, Doornstr. 22, B-2610 Wilrijk, Belgio. 200 BEF

**Ĉeĥoslovakio:** Slovakia Esperanto-Asocio ĝis nun komunikis neniujn abonojn, ni ne scias ĉu pro manko de interesatoj, ĉu pro nefunkciado. Vivosigno bonvena! ĈEA ĵus sendis la unuajn abonojn.

**Japanio:** Pli ĝusta formo de la adreso estas: H.R. MacGill, 1563-2 Okuyama, Inasa-gun, Sizuoka-ken, 431-23. Abono: 700 enoj.

**Sovet-unio:** Perantoj en Tallinn, Erevano kaj Kievo funkcias, gazetojn ni sendis. SEU skribe konsentis januare arigi abonojn kaj petis rezervi 500 ekzemplerojn. Sed la mendoj ne sekvis, spite memorigon. Se ne venos ĝis aŭgusto mendo, ni certe malaltigos al pres-kvanton je 500.

**Svislando:** La perantejo Berno ne plu funkcias entute. Bv. turni vin al UEA.

**Venezuelo:** Nova adreso: prof. J.E. Bachrich, Apartado 70782, Caracas 1071 A. Unu abono: la ekvivalento de 8,40 gld. en loka valuto.

Perantoj bv. ne akcepti abonojn por estontaj jaroj. En numero 91/3 ni jam anoncos tarifojn por 1992. Perantoj en orient-eŭropaj landoj bv. skribi aŭguste kaj informi kiu lokvaluta sumo ĉe si tiam ekvivalentas al cent forintoj. Dankon!

# Deziras korespondi

### Belgio

Tania-Ximena Geuvens, 15 Rue Neuve, B-5660 Couvin. 12-jara knabino.

### Britio

Hannah Teller, 10 Marina Gardens, Felixtowe, Suffolk, IP11 8HW, Britio. 11-jara knabino.

### Bulgario

Elena Vasileva Boneva, "Druĵba", bl10,vh B, et.7,ap13, BG-8800 Sliven. 17-jara knabino dez. kor. tutmonde pri muziko kaj literaturo.

### Ĉehoslovakio

Mirka Trcková, Nám. Miru 35, CS-78991 Ŝtity.

### Francio

S-ino Dominique Couturier, F-16460 Bayers, deziras por grupo de komencantoj (8 - 12 jaraj) nur kolektivan korespondadon kun samaĝaj eksterlandanoj.

Cieline Croci, 80 Les Amiraux Lapeyrouse, F-63700 St.Cloy les Mines. 11-jara knabino.

Pierre Lochon, 1300 Route de Callas, F-83490 Le Muy.

### Hungario

Agnes Krecz, Faiskola u. 8/13, H-3300 Eger. 17-jara gimnazianino dez. kor. tutm. Ŝatas legi, aŭskulti muzikon, kolekti pm. kaj bk.

### Irano

Farid Bagheri, 24,rue Arman Bld Sazman Ab, IR-91846 Mashad. 15-jara knabo.

### Kanado

Daniel Gaynor, RR 2. Westville Nova Scotia, BOK 2AO. 10-jara knabo.

### Kubo

Pedro Fernando Rodriguez, Requena, 17 apto 1 entre, Salvador Allende y Lugareno, Plaza de Revolucion, Ciudad de la Habana, 10600. E-instruisto.

## Pollando

Agnieszka Lewandowska, Stojadla 80, PL-05-300 Minsk Mazowiecki, woj.Siedleckie. 14-jara knabino, kolektas bk., pm., ŝatas bestojn.

Iwona Danielewicz, ul. Winogronowa 19, PL-80-410 Gdansk. 16-jara knabino, interesiĝas pri muziko, lingvoj, komputiloj, sporto.

Dariusz Stojanowski, Zabin 14, PL-78-530 Wierzchowo Pomorskie. 13-jara knabo, interesiĝas pri sporto, kolektas pm.

## Rumanio

Nicoleta Stana, str. Donath 117, bl.01, ap.12, R-3400 Cluj Napoca. 19-jara studentino de pedagogio.

Joan Teodora (6-jara), Joan Ileana (9-jara), str. Nona 40, R-2400 Sibiu.

Juliana Dicu, str. Trivale, Bl. 90, Ap. 21, R-0300 Pitesti. 18-jara studentino.

## Sovetunio

Nikita Avdik, SU-230026 Grodno, pr. 40 let Pobiedy 70-72. 5-jara knabo, kun helpo de la patrino dez. kor. tutmonde.

Ĉigrin Denis, ul.Mira 3-6, Krasnojarsk, SU-660049. 13-jara knabo dez. kor. tutmonde pri ĉiuj temoj. Kolektas paperojn de maĉgumoj.

Georgij Tujakin, ul. Kornejĉuk 33A-114, SU-127543 Moskva. 16-jara lernanto dez. kor. kun samaĝuloj el Israelo, Usono, Ĉilio k.a. pri la hebrea lingvo, komputiloj, Esperanto ktp.

Andreo Ĉumakov, Orehovij Bulvar 18-331, SU-115583 Moskva; 15-jara lernanto dez. kor. *tutmonde pri ĉ.t. Kolektas pm.* bus-biletojn, mapojn.

Rasa Auksakyte, Antanavas, Naujoji nr. 12, Marijampoles Raj, SU-234503 Litovio. 16-jara lernantino, int. pri vojaĝoj, politiko, muziko.

Nataŝa Koĵinova, str. Djepovskaja 15/2 - 69, Barnaulo 15, SU-656015. 14-jara knabino kolektas kalendarojn,pm., bk., kaj gumajn ludilojn.

44 gejunuloj deziras korespondi tutmonde pri diversaj temoj, E-Klubo "Verda Krokodilô, Novi grod, Naberejnyje Ĉelny, SU-423819, pk.133.

12—16-jaraj estonaj gelernantoj dez. korespondi tutmonde, bv. skribi al la instruistino: Anna Sulb, SU-202350 Jogeva, Aia 11-3, Estonio.

## Usono

Nicholas Havlat, Rural Route, Dorchester, NE 68343. 11-jara knabo.

## Zairo

Matindi Luntadila, BP 7, Lukala (Bas-Zaire.)

Ára: 15 ft.

# Lasta — la stat'.

Lasta paĝo: lastaj novaĵoj, tri tagojn pli freŝaj ol tiuj en la enkonduko kaj la perantaj novaĵoj sur p. 22. Evidentiĝas, ke la ses-semajna prokrasto en dissendo de JA 91/1 temas ne nur pri organizaj malfacilaĵoj, sed intenca decido ne ekspedi la gazeton al tiuj landoj, kies perantoj ĝis nun ne transpagis la abonmonon. Tiun decidon mi nur hieraŭ eksciis, letero de HEA al la koncernaj perantoj estas dissendota hodiaŭ. HEA klopodis solvi transpagajn problemojn (ne nur pro JA), ekz. per internaciaj turismaj aranĝoj, sed klientoj ne havas tempon, monon, emon turismi en tiaj landoj plu, nek estas merkato por iliaj eldonaĵoj.

La nesendo de JA al tiuj, kiuj pagis lokvalute al anoncita peranto estas ege ĉagreniga (eĉ egala al rompo de kontrakto), aliflanke HEA trovas, ke ĝi simple ne havas monon aĉeti poŝtmarkojn kaj pagi presejon pro nepagitaj abonoj. Do, la Nova Jun-amika Ekonomia Monda Aranĝo (NJEMA) bedaŭrinde tekstas jene:

*'El eŭropaj landoj kun malcerta transpageblo, gazetoj estos senditaj nur post alveno de la pago al HEA en konvertebla valuto aŭ forintoj.'*

Ĉi-paĝe marte via redaktoro naive sentencis: "Nun estas la tempo por iom da solidareco kaj fido, por ke en lokoj sen certeco kaj meze de profundaj perturboj, restu almenaŭ kelkaj modestaj dependeblaj servoj." Bedaŭrinde HEA kiel eldonisto ne povas dividi tiajn revojn: ni nun vivas en brava nova (kapitalisma) mondo, sen loko por tiaj esperantismaj idealismaĵoj.

Do, ni forigas koloran preson el ĉiuj krom ok paĝoj, eldonkvanto sinkas de 3500 al 2800, per kio ni praktike abandonas Sovet-union kaj la nerespondintan SEU. Por ne forĵeti la novajn ricevantojn tra Azio, ni petos subtenon de ILEI anstataŭ Fondaĵo Carson.

Okcidente ĉio bona, la buĝetitaj 600 abonoj estas atingitaj; elstaras Italio (105) kaj Usono (72). Duoniĝis la abon-nombro en la tradicie fortaj landoj Britio kaj Francio (supozeble pro la malfruo de n-ro 90/4) kaj Brazilo (kie aldoniĝas enlandaj financaj zorgoj).

Via redaktoro provadis tra la jaroj persone solvi transpagajn barojn kaj havas buntan kolekton de ĉeĥaj, rumanaj kaj polaj ŝuoj, valizoj kaj artaĵoj ateste. Sed solulo ne povas superi kvardek jarojn da financa zenofobio. Nek la asocioj sukcesas. Kiu havas ideojn kiel konsumi rublo-, kron-, lev-, leio-, ktp-montojn, bv. proponi sin. Finfine, esperantistoj ekzistas por superi barojn, ne por submetiĝi al ili; kelkfoje devas temi ankaŭ pri nelingvaj baroj.

*smg, 4 julio 1991.*



